# BULTENO

de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo: Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam


## ĈE JARŜANĜIĜO

Ni semis ree unu jaron,
Rapide flugis tempo for',
Gratulas ni nian anaron
En tiu ĉi solena hor',
Ĉar IFEF kreskis ja facile,
Per laborem' de eta rond',
Luktanta, pace, senarmile,
Por la fratiĝo de la mond'.

Malnova jaro ankaŭ prenis;
Oferi devis ankaŭ ni;
Plej bonajn anojn morto trenis,
For de l' labor' por harmoni'.
Al ni la devo kaj honoro,
En nova jaro kun fidel',
La taskon de l' IFEF-laboro,
Transpreni por kumuna cel'.

## NEKROLOGO

La 11an de septembro 1951 oni trovis nian ŝatatan anon Anker S. Christensen vundita de vagono en la stacio Esbjerg.
Li estis rapide portata al la hospitalo, kie li tuj mortis pro interna vundo. A.S.C. estis pli konata laŭ la epiteto *Granda* pro sia alto de 2 M.
Li estis kunfondanto de DEFA, kies unua kasisto li estis.
Ni, Esperantistoj, kiuj konis lin, havas nur bonajn memorojn pri joviala homo, kies helpo ĉiam estis je nia dispono, kiam ni bezonis ĝin.

La 4an de novembro 1951 mortis en Munkeno nia kolego Karl Hell.
Li naskiĝis en la jaro 1868 kaj dediĉis sian vivon al la servo fervoja kaj al nia lingvo. Li esperantiĝis en 1912; jam en 1914 li faris la instruistan ekzamenon kaj iĝis unu el la plej aktivaj esperantistoj post la unua mondmilito. Post la dua mondmilito li fondis en 1945 la unuan fervojistan rondon en la kadro de la Esperanto-grupo *Laboro* en Munkeno, kaj en 1948 li estis unu il la fondintoj de la nuna GEFA. Kiel membro de la Esperanto-komitato de la Sociala Organizo de la Germana Federacia Fervojo li akcelis la aliĝon de GEFA al la Sociala Organizo; li plue atingis ke la Asocio de la Germanaj Faklernejoj enkondukis Esperanton en sian instruplanon.
Li estis valora membro en la Terminara komitato, kies laboro bazas sur materialo kolektita de li.
Ni perdis bonan kamaradon. Ke estu konsolo al lia familio, ke lia spirito vivos en liaj faroj kaj en liaj kolegoj.

La Estraro.

## KONGRES-INFORMILO No 1

La sociala Organizo de la Germana Federacia Fervojo kaj la Germana Esperanta Fervojista Asocio invitas la fervojistojn de ĉiuj landoj partopreni la 4an IFEF-kongreson, kiu okazos en Lindaŭ (Lago Konstanca) de la 25a ĝis 30a de majo 1952.

**PROVIZORA KONGRESPROGRAMO.**

**Dimanĉe** la 25/5: Akcepto de la kongresanoj; 15h estrarkunveno; 19h interkontakta vespero.
**Lunde** la 26/5: 9h term. komitato; 15h estrarkunveno; 20h solena malfermo.
**Marde** la 27/5: Laborkunsido; 13h vizito al riparejo kaj fakprelegoj.
**Merkrede** la 28/5: 9h kaj 14h laborkunsidoj.
**Ĵaŭde** la 29/5: Tuttaga ekskurso sur la lago Konstanca; internacia balo.
**Vendrede** la 30/5: Postkongresa ekskurso.

**Kongreskotizoj.** Kongresano 10 DM, familiano 5 DM (inkluzivas la tuttagan ekskurson). Kotizo por la postkongresa ekskurso 5 DM. Pago en la akceptejo. Kongreskartojn kaj kongrespaperojn oni ricevos en la akceptejo.

**Aliĝoj.** Limtago de la aliĝoj 15a de aprilo 1952; bonvolu mendi la aliĝilojn ĉe la landaj delegitoj aŭ de la L.K.K. La landaj delegitoj estas petataj indiki la deziratan nombron da informiloj kaj aliĝiloj.

**Loĝado:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Grupo A (hoteloj) | 6.00 - 7.00 DM | po lito |
| Grupo B (gastejoj kaj pensionoj) | 5.00 - 6.50 DM | po lito |
| Grupo C (privataj loĝeloj) | 3.50 - 4.00 DM | po lito |

**La prezoj inkluzivas matenmanĝon.** Flua akvo en la ĉambro estas en la loĝejoj de grupo A kaj B, sed nur en malgranda parto de grupo C. La ĉambroj estas plejgrandparte dulitaj ĉambroj, tiel ke estas rekomendinde mendi kune kun kolego. Mendoj pri grupo B povas esti konsiderataj nur ĝis la limtago (15/4-1952). La loĝejoj estas je dispono ĝenerale ek de dimanĉe la 25/5. Kolegoj, kiuj intencas alveni jam sabate bonvolu indiki tion sur la mendilo.

**Manĝado.** Matenmanĝo, se ne estas en la loĝprezo, kostas 1.80-2.00 DM inkluzive servmono. Tagmanĝo kaj vespermanĝo kostas en la kantino 1.50 DM, en restoracioj 2.00-3.00 DM inklusive servmono.

**Informoj.** Bonvolu turni vin al la L.K.K., Museumstrasse 39, Hamburg-Altona Eisenbahndirektion, aŭ al via landa delegito.

**Vojaĝo.** Peto pri senpaga vojaĝo bonvolu fari pere de via landa fervoja administracio al la kompetenta germana fervoja direkcio. Laŭ la kutimoj inter la administracioj, rektaj petoj de izoluloj al eksterlanda fervoja administracio ne povas esti pritraktataj. Vizojn por Svisio aŭ Aŭstrio, se ekskurso estas intencita, bonvolu antaŭe havigi en via lando.

**Kongresproponojn,** klare formulitajn, oni sendu antaŭ la 20a de februaro al la Ĝenerala sekretario: J.Lok, Orteliusstraat 108III, Amsterdam (W).

### NIA INSIGNO ESTAS PRETA !

**!** Mondkonata firmao fabrikis por ni belegan IFEF-insignon, kies unuaj ekzempleroj kostas nur po unu nederlanda guldeno.
Oni tuj turnu sin al la landaj sekretarioj por havigi al si tiun unikan belaĵon, ĉar post la kongreso la favora prezo ne plu validas.
La landaj sekretarioj mendu ĉe la ĝenerala sekretario: J.Lok, Orteliusstraat 108, Amsterdam. Pagoj okazu dum la kongreso. **!**

### TIEL ONI VIVAS EN HISPANIO

*Sub tiu titolo aperis interesa artikolo en "De Groene Amsterdammer". Por niaj membroj sekvas ĉisube la parto, temanta pri la fervojo.*

Ni mem spertis kiom da fantomoj oni devas ekzorcizi antaŭ ol sukcese havigi al si vojaĝbileton de Madrid al Barcelone aŭ inverse. La vojaĝo daŭras dek ses horojn kaj la unua klaso estas la plej komforta. Oni senĝene povas rakonti la sekvantan skandalon, ĉar la oficialaj karikaturistoj sprite okupis sin pri la afero.

Jam tri tagojn antaŭ nia forveturo ne plu eblis aĉeti bileton en la tiucele enstalita kontoro. Oni konsilis al ni iri en la atendejon, kaj ŝajnigi nin tre bilet-avidaj; ni sendube estos alparolataj. Efektive post kelka tempo venis la pakaĵoportisto, kiu ruze demandis, ĉu ni eble deziras aĉeti vojagbileton.

La psikologa envidpovo de la viro montri ĝis garantiita de multjara sperto.
Baldaŭ ni akordiĝis pri dato, forveturhoro kaj klaso, sed subite malinterkonsentis, kiam la viro diris ke ni devas pagi ducent pesetojn antaŭe, kaj povos ricevi la biletojn tri tagojn poste, je duona horo antaŭ la forveturo de la trajno. Kaj tio sen iu pagatesto.
Ridetante pro tiu ŝajna miskompreno ni disiĝis. Vespere ni rakontis al amikoj kion ni spertis, sed tiuj senmire, kvazaŭ temas pri la plej ordinara afero en la mondo, diris, ke tiu viro estas plene vidinda. Kune ni reiris al la stacidomo, trovis nian viron, oferis nian monon, kaj kiam ni je la fiksita tempo venis por forveturi, ni vidis nian brokantiston trankvile atendanta ĉe la ankoraŭ fermita giĉeto. Li transdonis al ni la beletojn kaj eĉ redonis iom da mono, ĉar unuaklasaj biletoj ne plu estis haveblaj.
Notinde estas, ke la kurtaĝo estis kvarono de la aĉetsumo.
Dudek minutojn antaŭ la forveturo de la trajno la giĉeto tamen malfermiĝis, kaj estis vendataj la biletoj restintaj el la nigra merkato. Neniu akceptas tiajn agmanierojn tre tragike, ĉar ja temas pri tradicio. La ruzuloj inter la vojaĝontoj, al kiuj ne gravas, ĉu ili vojaĝos morgaŭ aŭ postmorgaŭ, aperas dum la lastaj minutoj, aŭ, se ili ne hezitas stari en vico, unu horon antaŭe, esperante ke ne tro kontentige floris la marĉandado de la portisto.
Regas ordo kaj organizemo en Hispanio, ĉar tiuj, kiuj pretas stari vice, unue anoncas sin ĉe la vendistino en la ĵurnalkiosko por ricevi dokumenteton, sur kiu ili notas tagon, horon kaj stacion, montras tion al la verd-grize vestita ĝendarmo promenetanta en la atendejo kaj konigas al li sian nomon. Laŭdeve la leĝo-defendanto notas la nomojn sur papereto, kaj kiam malfermiĝas la giĉeto, li anonce vokas tiom da nomoj, kiom da vojaĝbiletoj postrestis. Komence oni perpleksiĝas pro tia implika elpensaĵo, sed je ripeto oni nur indiferente levas la ŝultrojn kaj flustras: *Kiel la lando, tiel la kutimo*.
La trajnoj ne estas senkomfortaj, se almenaŭ la lokomotivestro ne preterlasas zorgi pri fluanta akvo.
Kio mankas sur la trako Bruselo-Amsterdamo, sed ne en Hispanio, estas la almozpetuloj kaj vendistoj de loteribiletoj.
Ili kreas turisman sferon kaj estas en tio brave asistataj de vojaĝantoj sen bileto, kio eblas pro tio, ke en multaj hispanaj stacioj ne estas en- kaj elir kontrolado. Estas ĝuplena spektaklo vidi ke konduktoro persekutas siajn viktimojn, dum pagintaj vojaĝantoj kvazaŭ senintence rektigas siajn krurojn kiam la forkurinto pasis, ĝenante tiel la konduktoron.
Vidante tian scenon oni inklinas bedaŭri sian juĝon, ke Hipanio ne plu havas *propran vizaĝon*.

Hoen.

## *AŬSTRIA ESPERANTO-KONGRESO*

La Aŭstri Esperanto-kongreso 1951 okazis la 28an de julio ĝis la 2a de aŭgusto en Insbruck. Ĝi estis sufiĉe bone vizitata, ankaŭ de eksterlandaj gesamideanoj (Anglio Germanio, Francio, Nederlando, Svedio, Svisio) kaj estis bona sukceso.
Menciinde estas ke ĉe tiu kongreso la bone konata Esperantisto kaj komponisto D-ro Schwarz, sekurdirektoro de Burgenland kompilis proprajn valson kaj marŝon, kaj ambaŭ persone direktis ĉe la malfermo de la kongreso, pro kio li estis tre aplaŭdata de ĉiuj ĉeestantoj.
En la kadro de la kongreso okazis la 28an vespere la honorigo de meritplenaj pioniroj de la Esp-movado, membroj de la fervojista fakgrupo.
Estro Sighartner kaj sekretario Zink salutis la grandan aron da kolegoj, kiuj jam pli ol dudek jarojn estas Esperantistoj, ĉiam modele agadis kaj kunhelpis disvastigi la ideon Zamenhofan.
Homoj, kiuj ĉiam estis pretaj oferi siajn liberajn horojn al la porpaca interfratiga movado. Ili ĉiuj estas konataj en la internacia movado, kaj kiel danko por la oferemo ili ricevis diplomon el la mano de la estro, kiu petis ankaŭ estontece resti pioniroj kiel ĉiam je la progreso de nia fakgrupo kaj bono de la homaro.
Kaj dum la muzikistaro intonis gajajn melodiojn, la partoprenantoj dankis aplaŭdante al la honorigitoj kaj al la arangintoj de tiu festo.

Raportis:
Sieghartner.

## ESTRARŜANĜIĜO EN S.A.E.F.

En *Svisa Espero* No 6 Hans Bipp protokolas detale pri la ĝenerala kunveno de S.A.E.F. okazinta en Zurich, la 23an de septembro 1951. El tiu pritokolo montriĝas, ke nia amiko E.Keizer eksiĝis kiel prezidanto. Anstataŭas lin la ĝisnuna kasisto H.Bipp. La nova kasisto estas H.Noll, dum kolego Sonderegger restas la sekretario. Kolego Keizer konsentis plue funkcii kiel vicprezidanto.
Pro tiuj ŝanĝoj la sidejo de la asocio nun estas Zurich anstataŭ Bern.
Ni certe bedaŭrus la eksiĝon de nia amiko Keizer el la prezidanta funkcio, se ne estus la aktiva kaj juna kolego Bipp kiu anstataŭas lin.
Decas al ni esprimi nian koran dankon al amiko Keizer pro la pena laboro, kiun li faris por IFEF sur la tiom malfacile prilaborebla tereno.
Ni esperas, ke ankaŭ en la nova funkcio li restas la fidela propagandisto por nia movado.

La Estraro.

## EL LA GAZETARO

En *Der Eisenbahner* No. 15 de la 8/11-1951 ni legis anoncon pri okazonta Esperanto-kurso en Vieno por la fervojistoj.
Niaj ĉiam aktivaj kolegoj Zink kaj Hawla senlace laboras por la disvastigado de nia idealo inter la Aŭstriaj fervojistoj. La samon ni povas diri pri niaj kolegoj en Linz, el kiuj kolego Sieghartner partoprenis la jubilean kongreson de FERN en Utrecht (Nederlando), pri kiu kongreso aperis artikolo en la sama sindikata organo.

En *La Spegulo*, Esperanto-revuo por Supra Aŭstrio, aperis nekrologo pri nia, en Parizo mortinta, amiko A.N. Wissink.

En *La Ponto*, la organo de la Germana Esperanto-Asocio, aperis detala raporto de la Fervojista sekcio en Germanio, G.E.F.A., en kiu nia kolego Pape krome skizis la celon de IFEF.

La Redakcio de *La Interligilo* sendis cirkuleron, en kiu estas menciitaj la kaŭzoj, kiuj malebligis la aperigadon de tiu organo. Malsanoj de ambaŭ funkciuloj kaj malfacilaĵoj rilate la liveradon de papero kaŭzis la interrompon. La movado en la PTT estos restarigata sur tute novaj bazoj.

Nia Japana kolego Nobuki Naosuke sciigas al ni, ke li interkontaktiĝis kun kelkaj kolegoj, kiuj havas la esperon kaj deziron fondi fervojistan Esperanto-societon en Japanio.
Provizore ni deziras al niaj japanaj amikoj bonan sukceson.

*Der Eisenbahnfachmann* publikigas la *Fervojista Kanto* de kolego Seeman, kune kun la muziko, komponita de kolego H.Wagner, Christophstrasse 1, Trier
Ni konsilas al nia anoj ekzerci la kanton, por ke ĝi estu komune kantata en la interkontaktiĝa kunveno en Lindaŭ.

El Italio ni nun regule ricevas la *Informilon*.
El Francio ni regule ricevas la organon de F.F.E.A.
Ankaŭ FERN el Nederlando regule sendas al ni sian organon, kies aspekto lasttempe grave pliboniĝis.

En *Nieuw Spoor* ilustrita eldonaĵo de la la Nederlanda Fervoja Kompanio, aperis artikoleto pri la unua lustrumo de FERN. Fine de la artikolo oni atentigas la legantojn pri niaj okazontaj kursoj kaj menciis samtempe pri la okazonta IFEF-kongreso en Lindaŭ 1952.

En *Laborista Esperantisto*, organo de la Asocio de Laboristaj Esperantistoj en Nederlando, aperis konciza raporto pri la jubilea kongreso de FERN, en kiu oni menciis la partoprenon de eksterlandaj gastoj el Aŭstrio,,Belgio Germanio kaj Francio.. Tre volonte ni akcentas la deziron de subskribinto P ke FERN restu tia, kia ĝi nun estas, do pure faka. La membreco de nia faka movado ne liberigas la fervojistojn de la devo ankaŭ aliĝi al iu ajn ekzistanta Esperanto-organizo.

En *Kulturring*, eldonaĵo en Hannover (Germanio), aperis germanlingva artikolo pri la 3a IFEF-kongreso en Parizo sub la titolo; *Hanoveraj fervojistoj en Parizo*. En tiu ĉi sendube belaspekta organo troviĝis flugfolieto kun rekomendo partopreni Esperanto-kurson.

Ni ricevis la bonaspektan kaj bone redaktitan *Bulteno de la Fervojista Esperanto-grupo Kaiserlaŭtern*.
Ĝi spegulas viglan grupvivon kaj intence propagandas por IFEF.

## LA REDAKTORO RESPONDAS AL:

*A.T.--- Francio*
Bedaŭrinde,via artikoleto ne interesas speciale fervojistojn.
Bonvolu daŭrigi la kunlaboron, ĉar lingvo kaj stilo estas senmankaj.

*G.V.--- Italio*
Pli urĝaj artikoletoj ĝis nun malpermesis publikigon de viaj, cetere amuzaj historietoj. Ni konservas ilin por plenigi eventualajn vakajn lokojn.